The

# British Esperantist

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

Vol. XXXVI, No. 519/520 July/August, 1948

# 33-a BRITA ESPERANTISTA KONGRESO

## CAMBRIDGE HALL, LORD STREET, SOUTHPORT

287 membroj aliĝis; 257 ĉeestis. Ili ĝuis senpagan eniron al multaj amuzejoj, sidejojn ĉe la orkestrejoj kaj aliloke, kaj someran veteron. La *Gvidlibro* estis impone granda, kun kelkaj paĝoj da priskriba teksto en Esperanto. Dum la tuta semajno la Botanika Ĝardeno montris bonegan ekspozicion da Esperantaĵoj, aranĝitan de S-ro J. Lawson Booth. Inter alilandaj ĉeestantoj estis S-ino De Rycke (Belgino); S-roj J. Deguilly (Franco); B. Nordstrand (Norvego); Fredoroviĉ kaj Wojtas (Poloj), kaj Netrual (Ĉeĥo).

Nur tiu, kiu mem aranĝis kongreson, povas scii kiom da peniga laborado ĝi necesigas—kiom da demandoj postulas solvon; kiom da bezonoj kontentigon. La grupo en Southport estas malgranda, sed tre kompetenta, kaj ĉio marŝis bone. Finance la Kongreso montris profiton.

Estas nur juste, ke (eĉ kontraŭ ilia deziro) ni nomu kelkajn el la lokaj Esperantistoj, al kies sindona laborado ni ŝuldas la sukceson: F-ino Liversidge (Sek)., S-ro J. Steele, S-ino Steele, F-ino Steele, F-inoj Beatrice kaj Bertha Hoyle, kaj F-ino Iddon, kun S-ino Seddon kaj S-ro L. Shipp, kiuj ambaŭ (interalie) faris al la raportinto grandan helpon malavare proponitan kaj danke ricevitan.

## VENDREDO, 14 MAJO

**Konatiĝa Festo.** Ĝi liveris abundajn okazojn por babilado, kun bonaj refreŝaĵoj. Muziko gajigis la vesperon.

## SABATO, 15 MAJO

Bonvenigis nin Lia Urbestra Moŝto Konsilanto Raynor. Kiam li komencis, parolante Esperante: *Karaj Esperantistoj! Kun granda plezuro mi bonvenigas vin al nia bela urbo Southport . . . Vivu Esperanto por helpo al la paco de la tuta mondo,* lin interrompis granda aplaŭdo. F-ino Jay tre kompetente prezidis. S-ro F. Parker akcentis la gravecon de Lancashire—kaj Cheshire! en la historio ne nur de Anglujo, sed ankaŭ de Esperanto. Sekvis

### RAPORTOJ DE FAKAJ ASOCIOJ

**La Esperanta Spiritista Societo** (Pastro Kersley). En Majo 1947 la gazeto *Psychic News* komencis serion de 14 lecionoj pri Esperanto. Kredeble cent mil personoj vidas tiun gazeton. La Societo reklame proponis helpon al lernantoj, kaj ricevis 41 petojn—ankaŭ novajn membrojn. Sed la vera efiko montriĝas en tio, ke ĉe Britaj Spiritistoj Esperanto estas nun konata vorto.

La societo okazigis du kunvenojn en la Berna Kongreso. Ĝia bulteno *Vivado* diskonigas ĝiajn laborojn kaj eksperimentojn. Oni forigis la vorton *Londona* el la titolo de la societo, ĉar ĝi nun fariĝis internacia, kun membroj en 15 landoj.

Partopreni en Esperanta seanco estas kvazaŭ paŝi en la pionirajn tagojn, ĉar tie mortintaj samideanoj parolas al ni kaj montras daŭran intereson pri la lingvo. Ilia ĉeesto kuraĝigas nin en nia laboro, kaj ili mem ĝojas denove paroli Esperanton en ĉi tiu mondo.

**Brita Esperanta Scienca Asocio** (legis S-ro Long, pro foresto de S-ro Durrant). En sia unua jaro B.E.S.A. faris bonan fundamentan laboron, kaj starigis rilatojn kun eksterlandaj sciencistoj. Aparte de teknikaj entreprenoj jam komencitaj (ekz., terminaroj pri kemio, konstruado, kaj maristaj aferoj), kaj aranĝoj por eldono de propra Bulteno, la Asocio sukcesis propagandi diversmaniere en sciencaj rondoj ne facile trafeblaj de ordinara propagando por Esperanto, kaj sekve plenumis duoblan rolon: nome, helpi al la uzado de la lingvo inter Esperantistaj teknikistoj, kaj disvastigi scion pri ĝi kaj ĝiaj ebloj inter sciencistoj kaj teknologoj ĝenerale. Je la

fino de 1947 B.E.S.A. jam havis 130 membrojn. Interesatoj skribu al S-ro E. D. Durrant, 18 Romeyn Road, London, S.W.16.

**La Esperanta Unio de Liberalaj Religianoj** (S-ro Osmotherly). La Unio fondiĝis en 1946, por kunligi Esperantistojn, kiuj, "ne forlasante iujn personajn opiniojn, kredas je la interna lumo de la konscienco kaj la vivmaniero de la amo, kaj volas kunligi kun ili sciencistan amon al la vero." Ĝi celas diskonigi Esperanton ĉe la eklezioj kiujn ĝiaj membroj anas, kaj la principojn de Liberala Religio ĉe la Esperantistoj. En 1947 okazis Somerlernejo, kun Diservo, kaj diskuto pri la celo kaj praktikado de religia edukado.

La Unio okazigas Diservon ĉiumonate en Stratforda Unitariana Preĝejo. Unu komitatano okazigis Diservon en Nottingham. Raportoj aperas en la kvaronjara Bulteno.

La anaro venas el 7 landoj (Britujo 30, Germanujo 5, el 5 aliaj landoj po 1). Ili apartenas al jenaj konfesoj : Unitarianoj 23 ; Liberaluloj, Luteranoj, po 2 ; 5 aliaj eklezioj po 1, nesciataj 8.

**Internacia Muzika Festo, Llangollen, 20–25 Junio** (S-ino Rossetti). Inter la vicprezidentoj estas kvar Esperantistoj : D-ro F. Hürdes (Edukada Ministro de Aŭstrujo), Prof. W. E. Collinson, Gen. L. Bastien, kaj D-ro Kalocsay. D-ro Kalocsay tradukas Kimrajn poemojn honore al la Festo. Per Esperanto venos du ĥoroj : *Hungara Fervojista Ĥoro* kaj *Berna Jodlista Klubo*, kun multaj solistoj diverslandaj. Oni ricevis 390 Esperantajn salutojn el 39 landoj. Ĉe la Festo estos Esperanta stando en la Interpretista Tendo, kie oni ekspozos la salutojn, vendos librojn, kaj kolektos subskribojn por la Petskribo.

**Brita Ligo de Katolikaj Esperantistoj** (S-ro N. W. Vigar). Dum la milito la Ligo preskaŭ mortis. Sed poste du samideanoj tiel fervore laboris, ke jam en 1946 ni havis pli da membroj, ol antaŭe.

Tamen interesi la Britan katolikaron estas afero aparte malfacila, pro la oficialeco de Latino. Ni provis ĉe diversaj internaciaj societoj, sed bedaŭrinde sen sukceso. Ni filiiĝis al la Internacia Unuiĝo Katolika Esperantista, kaj kelkaj anoj abonas la revuon *Espero Katolika*. En Aŭgusto okazos kongreso en Dijon. Nia bulteno *Brita Katoliko* iras al ĉiu parto de la terglobo.

Ju pli kreskos nia anaro, des pli rapide ni povos konvinki niajn ekleziajn superulojn nin subteni. Sen episkopa patronado nia organizo ne povas havi oficialan rekonon. Britaj Katolikoj ; membriĝu, por fortigi niajn manojn !

**Internacia Asocio de Poŝtmarkokolektantoj** (P. H. Lewis, fondinto kaj ĝenerala sekretario). En 1946 la membraro estis 375 : en 1947, 633 ; kaj hodiaŭ 962—progreso tute rimarkinda. En 1947 aperis la unua volumo de nia *Internacia Poŝtmarka Katalogo (Poŝtmarkoj Britaj)*, kiu uzas Esperanton. Jam pli ol 2000 ekz. de tiu verko vendiĝis per pograndistoj ne-Esperantistaj. Malgraŭ tiu kuraĝiga sukceso, la Asocio tamen ne povos eldoni pluajn volumojn, ĝis elvendiĝos la unua.

Sur la internacia kampo la Asocio rapide kreskas. En 1947, pro vigla agado de S-ro Zell, ni gajnis pli ol 70 membrojn en Svedujo. Jam tri aliaj landoj promesis fortan subtenon.

**Tutmonda Junular-Organizo** (F. Parker). Malgraŭ la malfavora stato de la ekonomia mondo, TJO faris kuraĝigan progreson en 1947. La estraro dankas pro la helpo donita de Britaj samideanoj, kaj aparte al F-ino N. Rees kaj S-ro J. Heath, kiuj organizis la semajnon en Ipswich. TJO transprenis la organizon de la *Denaska Esperantistaro*. La rilato inter la estraro kaj ĝiaj perantoj diverslande estas bonega : ilia agemo estas admirinda.

La internacia kunveno de 1948 okazos en Groet, Nederlando, kie oni festos nian dekan jaron. En Britujo la membraro restas proksimume samnombra. La sperto montras, ke estas malfacile starigi grupojn ekster la lernejoj.

**Kvakera Esperantista Societo** (M. C. Butler). Ĝis nun la Societo de Amikoj konsistis grandaparte el Angleparolantoj. Lastatempe, tamen, ĝi pli kaj pli fariĝas internacia. Pro tio, kaj pro ĝiaj principoj mem, ĝi devus interesiĝi pri Esperanto ; kaj efektive ĝi ja uzas Esperanton bonefike.

La membro de KES tamen restas relative tro malgranda. Ĝi urĝe bezonas pli vastan subtenon de Amikoj. La nova sekretario estas Nina Farley, 120 Richmond Road, Montpelier, Bristol 6. En 1947 KES okazigis prelegojn en Manchester kaj Nottingham, kaj finance helpis al du membroj ĉeesti Bernon. D-ro Edmond Privat, la Prezidento de KES, venos Britujon por la Jara Kunveno en Edinburgo (Jul-Aŭg), kaj sendube uzos la okazon por diskonigi Esperanton.

**Universala Ligo.** S-ro P. L. Wright raportis pri la nuna stato de ĉi tiu organizaĵo, kaj planoj por disvastigi informon pri ĝiaj celoj por la bono de la homaro. Li menciis aranĝojn por seminario okazonta en Julio en Surrey, kondukota de S-ro Pragano sub aŭspicio de la Ligo, kaj invitis pluajn partoprenantojn.

**La laboro de S-ro E. D. Durrant kiel Hon. Public Relations Officer.** Ĉar S-ro Durrant ne povis mem ĉeesti, lian raporton legis S-ro Long. Ĝi montris, ke en 1947 fariĝis multe da bona kaj trafa laboro, kvankam pro konfidenceco multaj punktoj ne estas publike diskonigeblaj (ekz., diskutoj kun gravuloj en oficialaj rondoj). Parto de la laboro, pri kiu koncerniĝis aliaj landoj, fariĝis en kunagado kun UEA.

Pro sia naturo mem la fruktoj de la ĝisnuna laborado ne estas facile takseblaj. Ĝi estis duspeca : (a) starigo de amikaj rilatoj kun gravuloj—rilatoj kiuj povus esti utila bazo por pluaj provoj en la estonteco, kaj (b) esploro de diversaj fluoj de ideoj kaj personaj sintenoj—kio ofte donas al ni valorajn informojn.

## POSTTAGMEZE (DAŬRIGA KUNVENO)

**Societo de Britaj Esperantistaj Geinstruistoj** (F-ino V. C. Nixon). SBET kunigas Esperantistajn geinstruistojn kaj helpas ilin per informoj kaj konsilo. Ĝi celas disvastigi la instruon de Esperanto en la lernejoj, atentigi edukajn instancojn pri Esperanto, kaj labori kun kolegoj alilandaj. La Jarkunvenoj diskonigas spertojn kaj informojn ; la Someraj Lernejoj kunigas la gekolegojn kaj plialtigas ilian Esperantan nivelon lingve kaj teknike.

La lerneja gazeto *Juna Espero* havas 430 abonantojn. Multaj el ili partoprenas la konkursojn, kaj eĉ sendas la gazeton al alilandaj korespondantoj. B.E.A. helpas per premia kaso. Ni bezonas pluan financan subtenon, por daŭrigi kaj plibonigi la gazeton. Ĝi estas entrepreno unika, kun bonega stabo.

La instruistoj estas la ŝlosilo al enlerneja instruado. Se ni SBETanoj estas multaj, entuziasmaj, kapablaj, kaj unuiĝintaj, ni povos enkonduki Esperanton. Eĉ nun, kvankam nia societo estas ankoraŭ nur malgranda, ni povas kapti la atenton de eminentuloj. Ju pli da anoj, des pli da influo.

**Universala Esperanto-Asocio.** S-ro C. C. Goldsmith, la sekretario, mallonge klarigis la prokraston en la aperigo de la jarlibro (Homo proponas, presisto disponas !), kaj raportis pri la nuna stato de UEA (informoj troviĝas en la Jarlibro). Li atentigis, ke en multaj landoj oni nun ne povas pagi kotizojn al Anglujo : pro tio estas des pli necese, ke Britaj samideanoj subtenu la internacian organizaĵon per aliĝo kiel individuaj membroj. Li komentis pri la nuna stato de la movado en multaj landoj ; kaj aparte pri la granda progreso nun farata en Germanujo.

Li ankaŭ donis diversajn informojn pri la Universala Kongreso okazonta en Bournemouth en 1949. Aliĝiloj estas nun haveblaj ĉe BEA kaj UEA.

**Propagando en la Lernejoj** (M. C. Butler). Pro tio, ke niaj legantoj legas regulajn raportojn pri tio sub la rubriko *Recent Lectures*, kun ĉiujara statistiko, ne estas necese ripeti detalojn ĉi tie.

**Propagando : Metodoj kaj Proponoj.** S-ro Wright bedaŭris la mankon de fidinda statistiko pri la nuna stato de la movado en Britujo : ekc., pri la nombro de oficialaj kursoj. Li petis, ke la BEA kolektu faktojn kaj eldonu ĉiujaran statistikon. Li ankaŭ deziris, ke en ĉiu numero de B.E. aperu paĝo pri *La Interna Ideo* kaj movadoj parencaj. F-ino Nixon kaj S-ro Goldsmith konsentis la dezirindecon de fidinda stastiko, sed atentigis, ke provoj tiurilate jam faritaj (ekz., de Dietterle, UEA, kaj SBET) montris la neeblecon ricevi informaron eĉ proksimume plenan. Statistiko neniom responda al la vera stato de aferoj malmulte utilus, kaj povus eĉ malutili. Aliaj pledis por pli da subĉiela propagando ; subteno por la fervoja reklamado priparolita en nia lasta nombro (p. 155) ; konkurso inter Grupoj kaj Federacioj ; Gazetara Korespondisto en ĉiu grupo ; kaj malgrandaj anoncoj en butika montrejo (metodo malkara kaj promesoplena).

**La Kongresa Balo** okazis vespere, laŭ invito de la Urbestro. Bonega halo, kompetenta orkestro, kabaredeto, kaj luksaj manĝaĵoj. Du infanoj—Esperantistoj—proponis bukedon al la Urbestrino.

# DIMANĈO, 16 MAJO

Matene kaj vespere okazis la Jarkunveno kaj du Komitatkunvenoj. Vidu sube.

Posttagmeze, en la Baptista Preĝejo, Hoghton St., Pastro E. H. Kersley el Plymouth kondukis Diservon en Esperanto. Monkolekto por la gazeto *Esperanta Ligilo* (baldaŭ reeldonota) estis £9-3-6. La legaĵoj estis Gen. 11/1–9 kaj Agoj 2/1–8. La temo de la prediko estis "Kie la Spirito, tie libereco" (2 Kor 3/17), kaj "Komprenante unu la alian". Jen resumo.

Ni ĵus legis, ke kiam la homidoj volis akiri gloron por si mem, Dio disigis ilin. Jarcentojn poste, kiam la disĉiploj de Jesuo volis laŭdi Dion, ĉiaj mondanoj ilin komprenis. Jen parabolo : egoismo, avido, fiero, naskas malamikecon, sed la Jesua spirito de ama kompreno portas fratecon kaj liberon. Tamen kompreno ne estas nepra sekvo el samlingveco. Ni bezonas ankaŭ la spiriton de Jesuo, la spiriton de simpatia kompreno kaj sindediĉo al homoj ĉiuspecaj, ĉiurasaj. Kaj tio tre mankas en la mondo.

"Komprenante unu la alian." Tion ni kantas. Sed ĉu tiu idealo vere estas nia? Kaj ĉu ni vere havas ion komunikindan? Principe, Joad favoras internacian lingvon. Tamen li dubas, ĉu ni estas sufiĉe internaciemaj por havi ion dirindan per ĝi. Oni devas voli ne nur kompreniĝi, sed ankaŭ kompreni, alie internacia lingvo ne multe utilos.

Oratoro en Hyde Park parolis pri "libera parolo". Sed kiam alipartiano faris al li demandojn, la oratoro laŭtvoĉe dronigis lian voĉon: li deziris liberecon de parolo nur por si mem! Se ni povas paroli eĉ fluege, kiel babilanta rivero, tamen ne povas aŭskulti la kunulon, ni ne sukcesos lin kompreni.

Ni do celu, laŭ Jesua spirito, kunsenti kun aliaj, kaj partopreni iliajn ŝarĝojn kaj ĝojojn. Ĉu niaj politikistoj *volas* kompreni unu la alian? Se jes, ni havos pacon; se ne, morton! La "fera kurteno" estas nenio nova: ĝi estas nur unu el multaj "muroj de miljaroj". Internacia lingvo ne sufiĉas, por disbati la obstinajn barojn: nur per la sankta amo ili disbatiĝos.

Interkomprenon ni celu ne nur en niaj kongresoj. Ni komencu en la hejmo, kaj en la ĉiutaga vivo. Dio nin helpu en tiu alta celo. Amen.

# LUNDO, 17 MAJO

Oni pasigis la tagon ekskursante kaj promenante. Kelkaj malfeliĉuloj, tamen, ŝvitis super ekzamenpaperoj. Aliaj fervoruloj vizitis ankoraŭ pluajn fakkunvenojn.

**Poŝtmarkkolektantoj.** Iom originala tipo de propaganda kunveno: duone koncerto, duone prelego. S-ro Lewis priskribis poŝtmarkojn kiuj memorigas operokomponistojn, kaj provizis unuhoran programon de muziko el operoj. Poste S-ino De Rycke raportis pri sia laborado kiel Sekretario de la Internacia Komitato de IAPK. Sendube oni aŭdos multe pli pri tiu Asocio post la Malma Kongreso.

En alia ĉambro Pastro W. J. Carter, M.A., el Carlisle, prelegis pri **Religio en la Atoma Epoko.** Li pritraktis kelkajn provojn difini la ĝustan Kristanan sintenon al milito en la atoma epoko, kaj diris, ke liaopinie ni devas provi starigi mondregistaron. Sekvis diskuto, en kiu li respondis al diversaj demandoj filozofiaj kaj politikaj.

Vespere okazis **KONCERTO**. Duhora programo. Kordorkestro ludis multajn pecojn. S-ro Chalmers Taylor ludis pianajn komponaĵojn de Chopin. F-inoj Downes kaj Iddon deklamis, F-ino Wheatley kantis, S-ro Ashurst gitaris, kaj Ges. Steele lerte faris humorajn teatraĵetojn. Al ĉiuj koran dankon.

# ANNUAL GENERAL MEETING

The 44th Annual General Meeting of the Association took place at the Cambridge Hall, Southport, on May 16th, 1948. The meeting started at 10 a.m., and at midday was adjourned till 7 p.m.: the following report of the proceedings covers both sessions. About 130 members attended.

The President (Miss Margaret Jay), in opening the meeting, referred to the great loss sustained by the Association in the death of one of its Vice-Presidents, Mr. Robert Robertson, and the members stood in silence in memory of this well-loved pioneer.

**Annual Report and Accounts, 1947**—These were adopted unanimously by the meeting.

**Officers and Council**—The Secretary, as Returning Officer, declared the following elected:—

*President:* Miss Margaret Jay.
*Vice-Presidents:* Professor W. E. Collinson, Miss V. C. Nixon.
*Hon. Secretary:* Bernard Long.
*Hon. Treasurer:* Alec Venture.
*Councillors* (1948–51): Miss M. L. Blake, L. I. Gentle, W. A. Gething, F. C. Midas, A. C. Oliver, A. G. Tucker.

**Auditor**—Mr. H. Milsom, F.C.I.S., A.T.I.I., was unanimously elected Auditor for 1948.

**Annual General Meeting, 1949**—As no invitation for this had been received, the decision as to the place of meeting was left to the Executive Committee, after an interesting discussion in which various suggestions were put forward, including one that the meeting might take place at Bournemouth during the Universal Esperanto Congress in August. Several reasons were however advanced in principle against this plan, and it was also pointed out that according to the Articles of Association the meeting could take place only in the period March-June, so that in any event an August gathering would not be feasible. The Hon. Secretary stated that it would probably be necessary to hold the meeting at a Conference centre, and that this would permit of a week-end of useful discussion: in view of existing Whitsuntide commitments at such centres the meeting might have to be fixed for an ordinary week-end, but since many members who would normally attend a British Congress would be inclined to choose (if they could not attend both gatherings) the Universal Congress at Bournemouth, any reduction

of numbers at the Annual Meeting owing to the date selected, or to possible limitation of accommodation at the Centre chosen, would be less serious than in a normal year.

**Miscellaneous** — During both sessions there were animated discussions on various forms of publicity and other aspects of the Association's activities, and a number of concrete suggestions were put forward. Some of these were dealt with from the platform or by individual members present, and others were noted for later consideration. The Secretary reminded the meeting of the request made in the Journal for articles of value which might be sold for the benefit of the Advertising Fund; and in connection with the raising of money for this or other purposes the Executive Committee was asked to consider the holding of a contest between various areas, somewhat on the lines of the Three-Year Cup Competition held before the war. Other subjects dealt with included the feasibility of collecting annual statistics of Esperanto students throughout the country, as an indication of progress : the travelling expenses of Delegate Councillors : voluntary additions to the annual subscription : the procedure adopted in reminding members of unpaid subscriptions : the contents of the Journal : and the film *In Other Words.**

A warm expression of gratitude was accorded to the Corporation of Southport for their generous hospitality in providing free accommodation for the meetings, and in particular, to his Worship the Mayor for the enjoyable Ball on the previous evening and his personal support of the Congress : and very cordial thanks were expressed to the local Congress Committee, the Lancashire and Cheshire Federation, and the Southport Esperanto Society, for their organization of a most successful and enjoyable gathering. The members also carried with acclamation a hearty vote of thanks to the President for her much appreciated conduct of the proceedings throughout the Congress : and the meeting concluded with the singing of *La Espero*.

* *The suggestions regarding a possible Cup Competition and statistics of students are receiving the special attention of the Executive Committee.—R.B.W.*

---

**125 members** have joined the B.E.A. parties for the Congress in Malmö. 99 will go by the two surface routes, 26 by air. The lists were closed some weeks before this issue appears.

# Small Announcements

# TRIAL AND ERROR

*This sketch, written by Mr. R. Mackay, was recently performed with great success in the Edinburgh Society ; and may be useful to other groups. It has the advantage that it can be read : the text can lie beside the telephone. And being in English, it can be performed by non-Esperantists.*

*The office of the Headquarters of the International Peace Organization. The* **Secretary,** *Mr. Schlopski, is seated at his desk with a telephone at his elbow. For one not a native of Britain, his knowledge of English is excellent, but the vowel "a" sounds like "eh", and he pronounces "th" like "ss" or "zz". Another telephone rings in an adjoining room, and is answered by a* **Typist.**

**Typ.**—(*Offstage*). Hullo ! This is the Headquarters of the International Peace Organization . . . the International Peace Organization . . . Who ? . . . Will you please speak in English ? . . . The official language of the Organization is English . . . What ? . . . Well, it didn't sound like English to me . . . Who ? . . . Oh, Mr. Loggerhead ! . . . I beg your pardon. Just one moment, Mr. Loggerhead. (*She enters.*) That is the Director-General on the long-distance phone, Mr. Schlopski. He is speaking from Pandemonia. Will you come into the other office, or shall I switch him through here ?

**Sec.**—Just put him ssrough here, Miss Ssin.

**Typ.**—(*Goes out, but pauses near the doorway to say haughtily*) The name, Mr. Schlopski, is Thinn, not Sin !

**Sec.**—(*Lifts receiver, waits a moment, then speaks—very pleasantly at first*) Hullo ! Yes, zzis is Mr. Schlopski speaking. Good afternoon, Mr. Loggerhead. I hope you are enjoying your trip to Pandemonia . . . (*He has evidently been snubbed, for he becomes very meek*) Of course . . . I understand . . . You are a very busy man, I know, Mr. Loggerhead. What can I do for you ? . . . Yes, Mr. Loggerhead, I know zze circular you mean. Zze one about zze meeting next monss. I have arranged everyssing. I sent copies by air to all delegations ssree days ago . . . Yes, Mr. Loggerhead . . . in English, yes . . . all our communications are in English now . . . No, I have not read it ; I dictated it to my stenographer . . . I am very sorry if it has given offence. I hope it is nossing serious . . . If you will excuse me for just one minute I shall call her. (*Without rising, he calls*) Miss Ssin, Miss Ssin.

**Typ.**—(*Appearing at doorway*) The name Mr. Schlopski, is Thinn, not Sin !

**Sec.**—Ssin or Ssick, it is of no consequence. Bring your shorthand notes for zze circular about zze international gazzering next monss. (*To telephone*) She will be here on zze spur of zze moment, Mr. Loggerhead. (*Typist enters with notes*) Ah, here she is. Now, what is zze difficulty, Mr. Loggerhead ? . . . Poultry ? . . .hens and mice ? . . . Just a minute. Zzere must be some error. (*To typist*) Look at zze introductory paragraph, Miss Ssin. Is zzere anyssing zzere about hens and mice ?

**Typ.**—Yes, here you are. (*Reads*) It is common knowledge that immediately after the war several countries were living a hen to mouse existence.

**Sec.**—(*Groans*) I did not say "hen to mouse". I said "a hand to mouss existence". (*To phone*) I am sorry, Mr. Loggerhead ; zzere has been an error. My stenographer ssought zzat I said "hen to mouse", but what I really said was "hand to mouss" . . . no, mouss . . . m, o, u, t, h—mouss . . . a hand to mouss existence, yes. Ssank you for drawing my attention to zze error . . . What ? . . . Zzere is anozzer ? . . . Which heading ? . . . Excuse me. (*To typist*) Miss Ssin, turn to zze part dealing wiss zze official reception . . . (*To phone*) I do not understand "splitting hairs", Mr. Loggerhead. I know "splitting headaches" but not "splitting hairs". Yes, I can hear you perfectly . . . I have arranged wiss zze Prime Minister's secretary zzat zze reception shall take place at two o'clock . . . Oh no, Mr. Loggerhead, not two minutes past two—two o'clock precisely . . . Excuse me. (*To typist*) Miss Ssin, read, please, what I dictated about zze hour of zze reception.

**Typ.**—(*Reads*) The Prime Minister's Secretary has suggested 2 p.m. as a suitable time for the official reception, and as I think it should commence at 2.2, I have arranged accordingly.

**Sec.**—(*To telephone, with another groan*) Oh, I see what has happened. 2.2 should be 2 too . . . no, not two minutes past two—2 too—2 also. I am very sorry, Mr. Loggerhead. I will write and put zze matter right right away . . . Oh, Mr. Loggerhead, not anozzer . . . Unsinkable battleships ? . . . I did not mention unsinkable battleships . . . Excuse me.

(*To typist*) Miss Ssin, will you please read what I dictated about zze American Chief of Naval Staff.

**Typ.**—(*Reads*) The American Chief of Naval Staff stated recently that the day was not far distant when battleships would be quite unsinkable.

**Sec.**—(*Further groan*) Oh no! Not unsinkable. (*To phone*) Mr. Loggerhead, I am very sorry. I dictated to my stenographer zzat battleships would be unssinkable, and she has written "unsinkable". . . . No, Mr. Loggerhead, unssinkable—t, h, i, n, k—ssink—zze battleships could not be ssought about. I do hope zzere will be no misunderstanding . . . What? . . . Two more! Oh, Mr. Loggerhead, I trust zzey are not serious . . . Zze faces of zze delegates? . . . I cannot recollect saying anyssing about zzeir faces . . . Excuse me. (*To typist*) Miss Ssin, let me hear what you have written under zze heading "Religions". Is zzere anyssing about zze faces of zze delegates?

**Typ.**—Yes, here you are. The last sentence of the paragraph. (*Reads*) No delegate need fear that his face will give offence to anyone.

**Sec.**—(*Still groaning*) Not his face—his faiss! (*To phone*) It is anozzer similar error, Mr. Loggerhead. Zze word is "faiss" not "face" . . . his faiss . . . his religion—f, a, i, t, h, faiss. I am extremely sorry, Mr. Loggerhead. I shall be very careful in future. Did you say zzere was still anozzer error? . . . about whom? . . . Zze Archduke of Pandemonia, yes . . . no, I should not call him peculiar—a little bigoted against alcoholic drinks, perhaps, but ozzerwise quite normal . . . What? I said nossing about hot drinks . . . nightcap for zze Archduke? Surely not . . . Excuse me. (*To typist*) Miss Ssin, turn to zze covering letter to Pandemonia . . . Now read what you have written regarding zze special arrangements for zze Archduke.

**Typ.**—(*Reads*) There will be no difficulty in carrying out the Archduke's request for a Bass night and morning, but you might ascertain whether he would prefer it hot or cold.

**Sec.**—(*Almost in tears*) Miss Ssin, I did not say "A Bass night and morning". Zze Archduke's request was for a bass night and morning. (*To phone*) Mr. Loggerhead, I am distressed. Zzere has been anozzer error. Zze word should not be Bass but bass—no, bass . . . a bass wiss soap and water—b, a, t, h, bass. Mr. Loggerhead, I am so upset zzat I am quite downcast. I am so broken down zzat I fear I shall break up. O, zzose ups and downs! Mr. Loggerhead, I am afraid zzat I must resign from zzis office. Zze language is too much for me . . . Yes, Mr. Loggerhead, she is still here . . . Miss Ssin, please take zzis down. (*He dictates as he receives the message from Mr. Loggerhead*) Agenda for zze next plenary meeting—Proposal to substitute Esperanto for English as zze official language of zze Organization. (*Typist moves to the door, and stands looking on.*) Oh, Mr. Loggerhead, zzis is excellent news! I am hilarious. Zzere will be joy ssroughout zze whole Organization. I kiss your hand, Mr. Loggerhead. I am exalted . . .Hullo . . . hullo . . . He is gone. (*Dabs perspiration from his forehead.*)

**Typ.**—(*From doorway*) And the name, Mr. Schlopski, is Thinn, not Sin!

CURTAIN.

---

## RECENT LECTURES

May
13–14 **Congleton.** Danesford School. (*Two lectures*)
18–20 **Southport.** Trinity Hall. (*Two lectures*)
20 (June, 10) **Southport.** Local Group.
25 **Oldham.** Hollins Sec. Mod. School. (*Two lessons to two audiences,* 200 *each ; afterwards,* 5 *lessons to class of* 30.)
27 **Oldham.** Robin Hill Sec. Mod. School. (*Lesson to* 90 *older children ; afterwards,* 4 *lessons to class of* 45.)
31 **Oldham.** Waterloo Sec. Mod. School. (*Two lessons to two audiences,* 200 *each ; also* 5 *lessons to class of* 40.)
31 **Oldham.** Mr. Bardsley's class.
June
8 **Southport.** Linaker St. County School.
9 **Southport.** Birkdale Sec. Mod. School.
10 **Southport.** Meols Cop Mod. Sec. School.
17 **London.** Mr. Sturmer's Class.

The main interest of these lectures is the fact that courses of six lessons were given in three schools by arrangement with the Education Office in Oldham. It is hoped that at least one school here will continue with a competent teacher, and that an evening class also will be started. 1845 children and 62 teachers had an Esperanto lesson.

In Linaker St. nearly 300 young children were remarkably interested. Warm thanks are due to Mrs. Seddon in Southport for very generous hospitality.

Except for a few sporadic engagements, and the weeks Sept. 20–24 and Oct. 4–8, I am open for invitations.

M.C.B.

## NEW BOOKS

*Order starred books from the B.E.A., others from the addresses given.*

***Sep Fratoj**—*Aleksis Kivi. El la Finna tradukis Ilmari Ekström, Vilho Setälä, kaj aliaj. Broŝ. 13ŝ., bind. 16ŝ. 6p., afr. 6p.*

Unu el la grandaj bonaĵoj, kiujn alportis al mi Esperanto, estas, ke mi legis iujn neforgeseblajn librojn, kiujn alie mi tute ne vidus. Tia estas "Sep Fratoj", ĉefverko de Finna literaturo, vera klasikaĵo. Mi memoras, kun kia plezuro mi legis—antaŭ multaj jaroj—alian Esperantan tradukon de verko de Kivi : *La Botistoj.*

La libro *Sep Fratoj* entenas interesan biografian noton pri la aŭtoro. Tio helpas la leganton kompreni kelkajn trajtojn de la verko ; ekzemple, lian profundan scion de Finna folkloro, kaj la multajn Bibliajn aludojn.

*Sep Fratoj* ne estas libro por komencantoj, nek por legantoj lacmensaj, kiuj serĉas romanon distran, supraĵan. Por ĝui kaj profiti de ĉi tiu libro oni devas legi malrapide, ofte halti kaj pensi. Tion farante, kun persisto kaj kompreno, oni profundiĝas en la verko, kaj lernas multe pro la homa naturo, kaj—parenteze—pri la kamparana vivo en Finnlando.

Unuavide, la historio estas stranga, eĉ frenezeta. Temas pri sep fratoj—orfoj—kiuj heredis malgrandan bienon, sed ne havas emon por farmlaboro. Ili vivas duonsovaĝe per ĉasado en la arbaro. Ili estas nekleraj, ne komprenas eĉ la alfabeton, kaj tamen parolas inter si kvazaŭ filozofoj. Ili batalas kontraŭ kvardek furiozaj bovoj, kaj page devas labori dum dek jaroj. Sed skizi la historion tiamaniere tute ne donas ĝustan ideon pri la sorĉa intereso, la profunda pensigado, kaj la universala apliko de la enhavo.

La verko estas en formo neordinara. Plejparte ĝi konsistas el interparoloj inter la sep fratoj, en dialoga formo kiel ĉe teatraĵo. Unue, la dialogoj ŝajnis al mi nerealaj. Sed iom post iom mi komprenis, ke ne temas pri kvazaŭ radioraporto de reala ordinara konversacio, sed ke tie estas vera art-formo ; ke tra la vortoj de la sep nekleraj kamparanoj — vortoj kelkafoje pezaj, krudaj, kaj konfuzitaj — vidiĝas grandaj veroj, sociaj revoj, varmaj pasioj, profundaj rezonadoj pri justeco, pri religio, pri eduko, kaj pri la homaro. Kaj inter tiaj profundaĵoj troviĝas interesaj lokaj fabeloj. La dialogo estas plena de humoro, de proverboj kaj trafaj popoldiroj, de aludoj Bibliaj kaj aliaj.

En interesa artikolo en *Malgranda Revuo* N-ro 2, 1947, Stellan Engholm certigas, ke la traduko estas fidela al la originalo. Pri tio mi mem ne povas juĝi, sed certe mi trovis la lingvon bona, esprimoplena, klara, kaj plena de fluaj parolturnoj. La tradukintoj evidente havis malfacilan taskon, kaj bone ĝin plenumis.

Mi jam menciis la biografion de la aŭtoro. Aliaj helpoj por la leganto estas notoj pri la prononco de la Finnaj vortoj, kaj tre utilaj klarigoj pri lokaj kutimoj, Bibliaj aludoj, k.a. Multe da zorgo kaj amo donis la tradukintoj al ĉi tiu libro. Kaj mi ne ne forgesu mencii la belajn vinjetojn de A. Nammen.

Resume : Jen valora aldono al nia tradukita literaturo. Ĉiu serioza leganto devus legi ĉi tiun majstran verkon.

J. FARRAND.

* **Johano la Brava**—*S. Petöfi. El la Hungara trad. Kalomano Kalocsay. Popolfabelo en versoj. 6pp., Dua eldono, reviziita. 66pp., 4ŝ. 6p., afr. 3p.*

"Fabelon oni same ne povas klarigi, kiel spritaĵon", skribis Kalocsay en sia unua eldono (1923) de tiu ĉi versfabelo de Hungara nacia poeto. Konata al ĉiu Hungaro, ĝi estas popolamata heredaĵo el la burĝonepoko de la moderna hejmlingva literaturo. Ĝin influis ŝajne la dekadenca romantikismo, kaj ankaŭ slava legendaro. Kion la "epopeeto" signifis al la patriotoj en 1844, ĝuste antaŭ la liberecmilitoj, kaj kion ĝi ankoraŭ signifas hodiaŭ, cent jarojn poste, tio estas skize indikita en mallonga antaŭparolo, kiun Kalocsay aldonis al la nuna eldono. Por nuntempa fremda leganto tiu politika alegoriismo estas eble pli interesa ol, en si mem, la naivaj aventuroj de la juna heroo inter tatarhordoj, sorĉistinoj, kaj gigantoj. Ĉiu rekonos tamen en la scenoj de idilia juneca amo kaj de natura grandiozo la grandan lirikan genion de Petöfi ; multaj Esperantistoj sendube sin turnos denove al la pluraj ekzemploj de lia poezio en "Hungara Antologio".

Tio sufiĉos por prezenti la verkon al novaj legantoj. Kalocsay, kredante ke lia traduko de antaŭ 25 jaroj estas farita "sur nivelo, kiun jam superpasis . . . nia poezia lingvo", ĝin denove tralaboris kaj reviziis. Komparo montras, ke plejmultaj strofoj restas senŝanĝaj. Kie li ŝanĝis, li celis—kaj atingis—pliprecizigon de ideoj, ekonomiojn de vortlongo, kaj variigon de rimado kaj stilo. La ĉefaj rimedoj kiujn Kalocsay uzas por tiu reverkado estas jam sufiĉe proklamitaj, ekzemple en "Lingvo, Formo, Stilo" kaj "Parnasa Gvidlibro". Mi ekzempligu la vortarajn novaĵojn de tiu "poezia lingvo", kun ekvivalentoj el la unua eldono en parentezoj : *povrulo* (*malfeliĉulo*), *obskura* (*malklara*), *trista* (*malĝoja*), *morne de malhelo* (*malhelege*), *grego* (*ŝafaro*),

ktp. Da asonancoj diversformaj estis nur kelke (6% laŭ K.) en la unua eldono, sed nun ili svarmas, kiaj : *korpo-volbo, preterflankis-rimarkis, forĝi-por ŝi, saltis-startis*, kaj *ombris-rompis*.

La stilaj plibonigoj estas rimarkindaj ; ekzemple, *insult' sovaĝa* estas multe pli trafa ol *ofend' malprava*. Sed *dorna viv-vegeto*, anstataŭ *vivo dornoplena*, estas malbela kaj prozeca. Kelkloke li tute reverkis versojn, kiel ekzemple :

*Jam eĉ paŝtofajrojn vidi li ne povis* (1).
*La paŝtofajroj dronis trans vidlimo* (2)

Kiom pli efika estas ĉi tiu ! Sed ĉu plibonigo tie ĉi :

*Ĉirkaŭ noktomezo jam la tempo iris* (1)
*Jam la marŝ' de l' tempo al noktmez' proksimis* (2) ?

Kalocsay tre lerte manipulas la iom rigidan versformon aleksandran. Eĉ ne konante la originalon, oni admiros lian superegan majstradon de la poezikapabloj de nia lingvo.

M. M. DU MERTON

**Esperanta Film-grupo.** We have twice referred to this group, which provides films (lantern-slide film strips) on various subjects of interest, with Esperanto text. The following numbers have just been added : *La vizaĝo de la terglobo ; Marvojaĝo de Amsterdamo al Indonezio ; Palestino* (2 vols.) ; *La Mirinda Nilolando ; Borneo ;* and (while we write) *Sovaĝaj Bestoj de Afriko*. The pictures are interesting, the text is in excellent Esperanto. Particulars from *Esperanta Filmgrupo, Antwerpsestraat* 45, *Bergen op Zoom, Nederlando*. We hope that it will soon be possible to appoint a representative for these films in England, for they should help many groups in their programmes. The B.E.A. cannot so act at present.

**Language in Society**—*M. M. Lewis*, 12/6. *Thos. Nelson and Sons, Ltd.*

This book deals with the linguistic growth of children, and the importance of language in social life. Only in passing does it touch on international language.

Many observations are however of interest. The statements "There can be little doubt that a world language is on its way", and "A primary condition of the growth of vast politics . . . is the existence of a single common language" are obvious truths. Yet Esperanto is ignored !

The author falls into the error of supposing that Basic possesses the virtues of standard English, including its literature. One reason for the continued progress of Esperanto and the failure of would-be rivals may be found in such phrases as "Where there is no effective linguistic community there can be no common language", and "A supra-national secondary language will not make much headway unless those who are called upon to learn it are convinced that it will contribute to their desired ends."

E. P. OCKEY.

**Maŝinoj, Mono, kaj Mondpaco**—We have received several more instalments of this treatise on Social Credit, well written and well translated. Miss M. Stewart, Gordon House, Carrington St., Nottingham, will send copies free on application.

***La Forto de l'Vero.** *Facila romano por komencantoj, verkita de Adi. Dua Eldono. Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoi.* 62*pp.*, 3*ŝ.*, *afr.* 2p.

Ni gratulas pri reeldono de ĉi tiu verko, kiu estas bona kaj interesa legolibro tre taŭga por elementa kurso post la unuaj monatoj. Ni jam recenzis ĝin (*B.E.* 1945, 87), kaj bedaŭras, ke la kritiko tie donita ne estas atentita ĉe la represo. Ekster tiuj detaletoj, tamen, ĝi estas tre rekomendinda. Forta gusto de Cseh-kursoj ne estas en tiu stadio malbonaĵo.

**Pri la Arktaj Poliĥetoj (Gliceredoj, Ofeliedoj, Skalibregmedoj, Flabeligeredoj).** 56pp. **La Norvegaj Flabeligeredoj.** 59pp. Ambaŭ en Franca lingvo kun Esperanta resumo. Sciencaj traktatoj pri div. marfundaj vermoj poliĥetaj, kun ilustraĵoj, kaj detala informaro bibliografia kaj priskriba. Prezo ne montrita. Eble haveblaj ĉe la aŭtoro, D-ro C. Stop-Bowitz, Zoologia Muzeo, Oslo, kiu jam aperigis tri similajn verkojn (*B.E.* 1946, 131).

Diskuteblas, ĉu apud **speco** ni bezonas duan radikon **specio** (=*species*). Al mi ŝajnas, ke ne ; la aŭtoro insistas, ke jes. La traduko de *-idae* per **-edoj** estas notinda kaj aprobinda. La Esperantigo de la Latinaj nomoj de genroj kaj specoj estas tre kompetenta.

M.C.B.

***Panoramo de Nia Movado**—*Jozefo Joels*. 15*pp.*, 10*p.*, *afr.* 1*p.*

Plena de "Dia malkontento", la aŭtoro kritikas la stagnemon de nia "moviĝado" (kiu nenion movas) kaj de ĝia anaro, dirante, ke ni bezonas novajn metodojn de organizo, propagando, kaj instruo.

Facile estas kritiki, kaj kritiki ne tute sen pravo. Sed proponante "akceptindan programon, novajn gvidliniojn, racian agmetodon", la aŭtoro subite krias "Punkto !" La injekton de nova sango, la urĝe bezonatan freŝaerumon, senrustigon, senŝimigon, li ial rezignas doni. La kuracisto rigardas la pacienton, diagnozas

"Tre malsana !"—kaj forprenas sen konsila vorto. Do la paciento ankoraŭ kuŝas senforte, kaj devos kiel eble plej bone resanigi sin mem sen kuracista helpo. Ni esperu !

**Jarlibro de SAT.** 172 *pp.*, 3730 *adresoj. Nur por anoj.*

La lasta eldono kiun ni posedas, havas daton 1932. Tamen laŭdire oni ĝin eldonis ĝis 1939. Tre danke la BEA Biblioteko ricevus donace la mankajojn. Ĉi tiu eldono montras, ke oni energie komencas ripari la breĉojn faritajn de la milito. Espereble proksimjare la adresoj estos pli ĝustaj ĉar pli bone kontroleblaj. Kelkaj frazoj havas utilon ĝeneralan (ni mallongigas) :

*La adresaro ne estas listo de korespondemuloj. La utiligo de la adresoj povas okazi nur laŭ la kondiĉoj indikitaj . . . Malagrabla sintrudo senaverta de vagulo en familian hejmon de aliaj anoj estas misuzo, kiu decidigis kelkajn anojn rezigni pri enpresigo de sia adreso . . . Vizitantoj notu, ke la oficisto (en la Pariza Oficejo) ne povas servi al ili kiel gvidanto tra la urbo . . . Ni ne estas banko, por ŝanĝi, eksporti, importi, monon.*

**Pollando Rekonstruiĝas el Ruinoj**—*Eldona Societo Esperanto. Fack* 190, 71, *Stockholm* 19. *Prezo ne montrita.*

16-paĝa broŝuro, kun klaraj grafikaĵoj, pri la teruraj perdoj kaj suferoj de Polujo dum la milito, kaj ĝia nuna rekonstruo kaj progreso.

***Vivo de Nansen.** *A. da Silva.* 24*pp.*, 9*p.*, *afr.* 1*p.*

Iom politike kolorita rakonto, laŭ la kutima stilo de la serio "Enkonduko en la Kulturon", pri la ĉefaj eventoj en la vivo de Nansen. Ni notas : *patrio, Norvegio,* (*patrujo, Norvegujo*) . . . ; *landkarto* (prefere : *mapo*) ; *dum kiam* (*dum*) ; *flosi* (*floti*) ; *kompleta* (*tuta*) loĝantaro ; *metralilo* ?

La frazo "*Ili sin lasis venki* (kun la signifo "They allowed themselves to be conquered") estas defendebla kiel iugrade internacia, ankaŭ Zamenhofa. Tamen ĝi estas malklara : certe Angla leganto komprenus "they allowed themselves to conquer". Rekomendinde estus diri *Ili lasis sin venkiĝi*, aŭ *Ili permesis ke oni venku ilin.* Anstataŭ *Ne estus malfacile sin lasi bloki de la glacio kaj transporti,* estus pli klare diri *Facile estus lasi sin blokiĝi de la glacio kaj transportiĝi*, aŭ *Oni facile povus lasi, ke la glacio bloku la ŝipon kaj ĝin transportu.*

**"Use the Highway"**—A Danish version of this excellent picture has just appeared in postcard form in Denmark.

**Ĉu militoj estas eviteblaj ?** Hugo Kraus. 12-paĝa broŝureto. *Tezo :* La demando estos respondebla jese, se oni anstataŭigos kapitalismon kaj lingvajn barierojn per socialismo kaj Esperanto. Unu rk., ĉe ALE, Neutorgasse 9, Wien 1, Aŭstrujo.

**Tutmonda Junular-Organizo**—What is this TJO of which we hear so much ? Here is an interesting illustrated account of its ten-years' history and work, in excellent Esperanto. Price one rk., from TJO Centro, West Graftdijk, Nederlando.

***La Portugala Literaturo**—*A. da Silva. En la serio "Enkonduko en la Kulturon".* 27*pp.*, 9*p.*, *afr.* 1*p.*

Ni rimarkas konstantan pliboniĝon ĉe la lingva kaj literatura stilo—kaj la enhavo —de ĉi tiu serio. Tamen ankoraŭ la landnomoj malkonsilitaj de la Lingva Komitato konstante ĝenas, kaj malhelpas ĝuon kaj senrezervan rekomendon. Oni plendas, ke en *Anglio* (lando neekzistanta en Esperantujo) troviĝas nur 22 abonantoj. Povas esti rilato inter tiuj du faktoj.

Ĉe birdokula rigardo al la tuta literaturo de lingvo, estas danĝero, ke la priskribo fariĝos nur teda (por la profanulo) listo de nomoj nekonataj. Tamen la aŭtoro bone plenumis sian malfacilan taskon, kaj liveris al ni verkon seriozan, informoplenan, kaj ne tro sekan.

**Volendam.** Du ilustritaj broŝuretoj pri la fama vilaĝo apud la Zuider Zee. "Vi ne vidis Nederlandon, se vi ne vidis Volendamon." Senpagaj, laŭ peto al *Unuiĝo por Fremdultrafiko* (*V.V.V.*), *Volendam, Nederlando.* Similan flugfolion pri la urbo **Almelo** eldonis *Vereniging voor Vreemdelingenverkeer, Verkeershuis, Almelo, Twente, Nederlando.*

**Kdo je L. L. Zamenhof** (*Kiu estas Zamenhof*). *Julie Šupichová.* 38*pp.*, 6 *Kĉs, ĉe Vydává Orbis, Praha.* Ĉeĥlingva biografio ĉe Zamenhof : N-ro 89 en la serio "Kdo Je". Ni gratulas la aŭtoron, kaj deziras al la verko grandan legantaron.

**Glumarkoj en lingvoj Esperanta kaj Araba** (du specoj). Prezo por 100 3 rk., ĉe D-ro T. Megalli, P.B. 1914, Kairo, Egiptujo.

**Lastminute** ni ricevis N-ron 1 de "Scienco kaj Tekniko", organo de la Brita Esperanta Scienca Asocio. Prezo, por nemembroj de B.E.S.A., 1ŝ. 3p., ĉe E. D. Durrant, 18 Romeyn Road, S.W.16. Membrokotizo 5ŝ.

**Zamenhof and Esperanto** — 16-paĝa broŝureto en la Angla lingvo verkita de Peter Esslemont. Prezo 3p., ĉe la aŭtoro, 20 King St., Aberdeen.

## COUNCIL MEETING

### at Southport, May 16th, 1948

*Present :* The President (in the Chair), the Hon. Secretary, the Hon. Treasurer, Miss E. Baldwin-Smith, J. M. Baxter, H. Benson, G. E. Collis, Miss R. A. Davey, Miss E. J. Downes, L. I. Gentle, C. C. Goldsmith, J. R. Grocott, W. H. Hirst, Mrs. E. M. Kendrick, Miss V. C. Nixon, E. K. Osmotherly, F. Parker, E. R. Penny, Miss S. V. Reed, L. Shipp, F. Sutcliffe, T. Swinburne, W. A. Walker, Miss E. M Wheatley.

*In attendance :* The Secretary and the Education Secretary.

*New Vice-President :* Mr. J. R. Grocott (Blackburn) was appointed to fill the vacancy caused by the death of Mr. Robert Robertson.

*New Fellows :* Mr. A. Thompson (Leeds) and Mr. E. P. Ockey (Coulsdon) were unanimously elected Fellows of the Association.

*Examiners :* Mr. K. Alexander was appointed to the panel of Examiners, and Mrs. M. C. Major was appointed a Special Examiner for the Oral Part of the Diploma examination.

*Executive Committee :* The Committee was re-appointed as follows :—The President, the Hon. Secretary, the Hon. Treasurer, Miss R. A. Davey, E. D. Durrant, W. A. Gething (Chairman), C. C. Goldsmith, H. J. Harris, Miss V. C. Nixon, Mrs. E. Warren.

*U.E.A. Statutes*—The Hon. Secretary stated that certain modifications of the Statutes (as accepted in 1947) would shortly come before the B.E.A. and other national societies for approval or otherwise. Most of them were minor changes and not open to any objection, but a few appeared to need special consideration, and the Council's ruling on these was desired so that the voting could take place in due course. After discussion of the debatable items in question and the principles involved, it was decided in one case to vote against the proposed new wording, and in another to abstain from voting : and further, to inform the other national societies of these decisions.

R. B. WILKINSON, *Secretary.*

---

**Esperanto Broadcasts.** Correction to the list in our last number (p. 150). *Bern :* Broadcasts 7.5–7.10, on wavelength 25m. *Tues. :* A. Baur on Switzerland. *Thurs. :* Dr. Privat on Federalism and Peace.

## LOCAL NEWS

**Birmingham**—The Esperanto Club meets 17 July and 21 August, at 26 Bristol Road. *Conversation* 2.30. *Club activities or Ramble* 3.15.

**Glasgow**—*Meetings :* Monday, 7.30, in the Café of Green's Picture House, Renfield Street. All Esperantists welcome.

**Huddersfield** — The group opened its summer programme with a fine talk by Mr. Frankland on Denmark, and a ramble. Two Huddersfield and two Birmingham Esperantists at a Lyme Regis H. F. Centre one Sunday evening each gave a talk. Many questions resulted.

**Lancs. and Cheshire Federation**—100 attended the 157th Conference at Nelson in April. *Friday :* a meeting for teachers, a fine address by Mr. R. W. Hamilton, M.A., M.Litt., Headmaster of Hemsworth Grammar School, where Esperanto has been taught for ten years. He put the case for Esperanto in the School most admirably, and told of activities at Hemsworth and in international School visits. *Saturday :* Business Meeting. *Sunday :* Diservo en Esperanto addressed by Mr. Hamilton. The T.J.O. Film was shown at two meetings. A two-column report in *Nelson Leader*.

**London Esperanto Club** — *Meetings : Friday,* 7.0, *at* 153 *Drummond Street, Euston, N.W.*1. July 9, Libertempantoj ĉe Surrey Crest. 16, D-ro Edmond Privat. 23, B.E.A. Biblioteko. 30, Sigismundo Pragano. August 6, La Kartofilo. 13, Kiel konstrui domon. 20, Vivanta Gazeto. 27, Dancu, manĝu, amuziĝu (2/6). **London, W.5**—West London Esperanto Society vizitos la Zoologian Ĝardenon. Julio 11. 2.0, *Renkontejo :* Ealing Broadway Stacidomo. **London, W.2.** On 6 May, Mr. J. W. Leslie lectured at the Headquarters of the Social Credit Party.

**London—Divine Service in Esperanto**—3.15, St. Barnabas Church, Pimlico Road, S.W.1, on 11 July (Rev. V. H. P. Hayman, D.D.), and 12 September (R. Murray), NO SERVICE IN AUGUST. **Liberal Christian Service,** 3.0, Unitarian Church, West Ham Lane, E.15, 25 July, 22 August.

**Manchester**—Meetings : 2.30, at 49 Lower Mosley St., 31 July, Spertoj de telefonisto. 28 Aŭg., Generado kaj distribuo de elektro.

**Newcastle-on-Tyne**—*New address :* 33 Summerhill St., Newcastle, 4, Tuesday, 7.0.

**North Eastern Federation** — The Conference 10 March in Sunderland, heard satisfactory reports from all groups.

**Nottingham** — The local group has arranged lectures in English on subjects of general interest, and invited non-Esperantists.

**Westbourne (Bournemouth)** — *Amikeca Rondo,* 40 membroj, kunvenas *lunde,* 7.30–9.30, Debatoj, diskutoj. *Vendrede :* 7.15–8.30, du kursoj, elementa kaj supera. Tetrinko kaj babilado. 8.50–9.50, Esperantaj aferoj. Ĉio ĉe St. Michael's Church Hall, top of Poole Hill, Bournemouth. Bonvenigas vizitantojn. Sek., J. W. Chambers, "Kvar", Elm Grove, Parkstone.

**Yorkshire Federation**—Je 24 Aprilo, la Federacio kunvenis en Doncaster, kie oni esperas fondi novan grupon. *Proksima kunveno :* Skipton, 31 Julio. *Sek.*, A. Frankland, 68 Essex Street, Halifax.

### ESPERANTO EN EALING

En la urbdomo, Ealing, London, 5–12 Junio, okazis ekspozicio "Arta kaj Civita Semajno" subvenciita de la urba konsilantaro. Tie 37 budoj okupiĝis de lokaj kulturaj societoj : inter ili unu por la loka Esperanta Societo. Tie sur la muroj estis multaj gazetoj kaj informoj pri la movado ; ankaŭ 50 gratulleteroj de Esperantistoj en 15 landoj, kun Angla traduko.

Pro tio, ke dudek mil personoj vizitis la ekspozicion, kaj multaj vizitis la Esperantan budon kaj ricevis informojn, oni povas esperi, ke kelkaj el ili studos la lingvon kaj aliĝos al la movado.

Tutkore la grupo dankas la sendintojn pro iliaj leteroj—veraj varbiloj. Gajnis la premion S-ro J. Chapellier, Nancy, Francujo.

---

**Homaranismo**—La gazeto *La Vivo* (S-ino E. v. Veenendal-Bouwes, Limmen (N-H), Nederlando, proponas, ke internacie la pacismaj societoj stariĝu sur komuna bazo, kaj proponas interkonsenton sur bazo de Homaranismo, laŭ jena difino (oni petas diskonigon kaj konstruajn komentojn). *Ĉiu homo devas esti rigardata unuavice kiel nia kunhomo, proksimulo, kaj kunfrato, kaj nur duavice kiel membro de tiu aŭ alia popolo. Justeco kaj komuneco inter popoloj kaj homoj, kaj senpartiaj fundamentoj por interkompreno kaj kunlaboro internaciaj, estas necesaj kondiĉoj por daŭra paco.*

**Radio-Amatoroj**—S-ro W. Farrar deziras enkonduki Esperanton en la rondon de Radio-amatoroj. Lia voksigno estas G3ESP. Adreso : "Holmcroft", Durkar, Wakefield.

**London Geamikoj**—W. A. Gething would appreciate help in finding small unfurnished flat for one year only, from September (remainder of son's stay at London University). Adresu : 62, Carlton Crescent, Luton.

### NASKIĜO

**Latimer**—Je 7 Majo, al Dick kaj Friedel Latimer, filino, Brünhilde Friedel Hansi.

### FIANĈIĜO

**Curtis-Farley**—Gratulon kaj bondezirojn al niaj membroj Frank Curtis kaj Nina Farley, Bristolo.

### MORTOJ

**Butterworth**—Je 13 Majo, H. A. Butterworth, en Leeds, 76-jara. S-ro Butterworth estis multjare instruisto kaj kasisto de la grupo en Rochdale, kaj estis inter la unuaj kaj plej fidelaj grupanoj.

**Evans**—Je 22 Majo, en Rhyl, Pastro D. Delta Evans. Li sciis 17 lingvojn inkluzive de Esperanto, kaj estis famulo sur la kampoj Kimra kaj Unitariana.

**Ferguson**—Je 25 Majo, en Grasby, Lincs., Pastro G. A. Ferguson, 81-jara, iama paroĥestro de Willoughton, Lincs., entuziasma Esperantisto pli ol 40 jarojn.

**Robertson**—Je 30 Aprilo, S-ino Robertson, Wood Green, 84-jara, vidvino de S-ro Robert Robertson, kies morton mi raportis en nia lasta numero. En 1947, celebrante sian diamantan edziĝon, ili ricevis gratulon de la Reĝo.

### NIA LINGVO

Tra la mondaj malproksimoj
  Sonas voko pli kaj pli.
Muroj, baroj, landaj limoj
  Ne ekzistas kontraŭ ĝi.
Ne la glavon ĝi admonu,
  Sed sur tuta nia tero
Pacon kaj konkordon donu
  Nia lingvo de espero.

Voku, lingvo de espero,
  Ĉiam pli al ĉies koro :
Ni vin sekvas kun fiero,
  Kun fidelo kaj fervoro.
Brilu, brilu, verda stelo,
  Super landoj, super maro !
Nin konduku al la celo
  Tra mallumo kaj nubaro.

Dio helpu nin, kaj donu,
  Ke la revo iĝu vero.
Nia kara lingvo sonu
  Ĉie, ĉie, sur la tero ;
Por ke ĝi la korojn ligu
  En komuna harmoni',
Kaj la mondon feliĉigu
  Ĝia beno pli kaj pli.

KARL VANSELOW.

## DIVERSAĴOJ

**"La Skolta Mondo"** (Oficiala Organo de la *Skolta Esperantista Ligo*). We rejoice to see this rebirth of *Skolta Bulteno* under its new title, and wish it long life, and success in propagating Esperanto in the Scout world. *Subscription :* 1/– yearly. *Editor and Treasurer :* J. H. Wescott, 29 Hawkesfield Road, Forest Hill, London, S.E.23.

Queries on the interesting *Skolta Terminaro* in this issue. What does SEL recommend for *to camp, camping* ? Has the proposed **kamb-i, -ado,** been dropped ? If so, is **kampi, tendi, tendari,** or **tendumi,** proposed ? Why **skoltumi,** when **skolti** seems obvious ?

**"Esperantologio."** The necessary 350 subscriptions for this magazine have now been secured. It is likely to start life early in 1949, and to be very valuable to serious students. All interested should write for details to Dr. P. Neergaard, Gothersgade 158, Copenhagen K, Denmark.

**Good Wishes !** Our members Richard and Friedel Latimer have moved to C/o Ges. D. A. Le Coultre, Kidman Avenue, S. Guildford, W. Australia.

**Skota Esperantista Kongreso** (21–23 Majo, Aberdeen). *Aliĝis* 59 anoj. *Vendrede :* Interkoniĝa Vespero.

*Sabate :* Vizitoj al la granitminejo Rubislaw kaj la tetenejo kaj sukeraĵfabrikejo de John E. Esslemont. *Generala Kunveno :* vigliga parolo de F-ino Sinclair. Oni elektis S-ron A. T. Whitehead el Edinburgo Prezidento. La urbestro kaj magistrato regalis la kongresanojn per teo kaj refreŝaĵoj. *Publika Kunveno :* La Edukestro de Aberdeen prezidis, kaj promesis lerni la lingvon. S-ro Peter Esslemont kaj Pastro W. Erskine Blackburn parolis propagande. Koncerto en Esperanto.

*Dimanĉe :* Diservo en la Unitariana Preĝejo, Aberdeen. Predikis Pastro L. Baker Short pri homara unueco. Monkolekto por la Blindula Kaso.

**Ruskin College** has a correspondence course in Esperanto (open to anyone). The fee (for a six-months' course) is £1. 17s. 6d. (or 12/– in advance, thereafter 6/– monthly). This covers a set of study outlines, and the correction of work monthly. Details from the Secretary, Ruskin College, Oxford.

**"World Language Plea Wins Contest".** A speech by Jack Butterworth (Wythenshawe) on *The Need for an International Language* won a B.F.Y.C. public speaking contest recently held at Manchester. This entitled him to enter the National Competition, where he won the second prize.

**Galway Bay.** S-ro E. G. Lock, Grammar School, Hemsworth, Yorks, tradukis ĉi tiun popularan kanton, kaj sendos la tekston al ĉiu petanto, ĝis la provizo elĉerpiĝos. Sendu adresitan afrankitan koverton (2½p.)

**Over 2,000 Germans** attended the Whitsuntide Congress of G.E.A. in München. We have a striking wall poster printed for the occasion. 300 Esperantists from other countries joined, but only 50 of these were allowed into the country by the military authorities. G.E.A. has now 7,750 members. We have received a long report, unfortunately confined almost exclusively to accounts of Roman Catholic sermons or speeches at the Congress.

**The Press Panel** (Sec., B. S. Whidbourne, 5 Burton Court, S.W.3) reports that in its first year (ending March, 1948) 423 cuttings were distributed to members, who sent 284 letters to the press in reply : of these 98 were printed, and 37 other letters. Congratulations to all concerned in this excellent work.

**Antal Kertesz,** likvorfabrikisto, Nyiregyhaza, Debreceni-utca 2, Hungarujo, sendos glason da Mirtel-likvoro (kiel specimenon, sen valoro sen imposto), al ĉiu sendinto de 10 rk. Ankaŭ detalojn en Esperanto pri siaj vinoj kaj likvoroj.

**Korekto.** Pri anonco sur p. 162 (kiun ni bedaŭrinde presigis laŭ peto de konata Esperantisto) ni ricevis jenan leteron.

*Amikoj jam gratulis min pri ricevo de titolo OBE laŭ informo en via gazeto. Bonvolu informi, ke tiu sciigo estas malĝusta, almenaŭ rilate al D. Kennedy, Glasgovo. Lia sola rilato kun titolo O.B.E. estas laŭ Esperanta signifo—Oni Bezonas Esperanton! David Kennedy (Neobe).*

**Junuloj.** Junuloj ĉiulandaj 12–35-jaraj kunvenos 15–31 Julio en Versailles. Dormos en lernejo aŭ tendaro. Festoj, ekskursoj. Informo ĉe L. Chilard, 5 Avenue de St. Cloud, Versailles (Seine-et-Oise), Francujo.

**Esperanta Somerlernejo kaj Seminario.** 9–31 Aŭg., en la marborda urbo La Rochelle. Diversgrada instruo. Oni povas resti tutan aŭ partan tempon. Komuna gastigado. *Aliĝo :* 200 fr. *Kosto :* 300 fr. tage. Detaloj (sendu rk.) ĉe H. Micard, Instruisto, Epineux-le-Seguin (par Laval-annexe), Mayenne, Francujo.

**Tatra (ŝaŭmiga limonadpulvoro)** is advertised by Jaromir Pavlacky, Veseli nad Moravou, Ĉeĥoslovakujo. Price for box of 35 portions, making 35 glasses of sweetened lemonade, 6/–, or 15 rk. (or Esperanto books by agreement).

**Hilversum** (301m) will broadcast 6.15–6.30 (MET and GST) on 27th August. Report reception to NCRV, Brodkasta Sekcio, Poŝtkesto 5, Hilversum, Nederlando.

**Communications with Japan** are now restored. We shall shortly receive the war-time issues of *Revuo Orienta*. A letter says that our friends Ossaka, Ishiguro, Kawasaki, Matuba, and Kitukawa, are all well.

NHK (Japana Brodkasta Korporacio) on 5 May gave from JOAK (Tokio) a radio drama *Naskiĝo de Esperanto*, played by a competent cast. The part of Zamenhof's mother was played by the famous actress S-ino Higasiyama.

**"The Waverley Course."** 1331 copies of Part I and 187 of Part II have been sold so far, BEA taking 588 and 85 copies respectively.

### VERSAĴO POR INFANOJ

Unu homo estas vi,
Unu homo estas mi.
Vi kaj mi, personoj du,
Kune staras : Nu, nu, nu !
Du kaj unu estas tri.
Tri personoj : vi, li, mi.
Tri kaj unu estas kvar :
Kvar boatoj sur la mar'.
Kvar kaj unu estas kvin :
Mia patro amas min.
Kvin kaj unu estas ses :
Jen la vero ! Jes, jes, jes !
Ses kaj unu estas sep :
Birdo pepas : *Ep, ep ep* !
Sep kaj unu estas ok :
Sep kokinoj, unu kok'.
Ok kaj unu estas naŭ :
Hundo bojas : *Baŭ, aŭ, aŭ* !
Naŭ kaj unu estas dek :
Estu bona kaj sen pek'.

NANJO RIMANTO.

## *Railway Advertising*

In response to WHEN YOU TRAVEL BY THE TRAIN in our last number, £31 has been subscribed towards the minimum sum required for advertising in Railway Carriages. At least another £70 is needed before we can proceed. Can we raise it ? Will you help ?

Please send donations or promises to B.E.A., 140 Holland Park Avenue, London, W.11.

# Official Notices

**THE BRITISH ESPERANTO ASSN. INC.**

**President :** Miss Margaret Jay, M.A.
**Hon. Secretary :** Bernard Long, B.A.
**Hon. Treasurer :** A. Venture.
**Secretary :** R. B. Wilkinson.
**Education Secretary :** M. C. Butler, M.R.S.T.
**Registered Office :** 140 Holland Park Ave., London, W.11. *Hours*—Weekdays : 9 a.m. to 5.30 p.m. Saturday : 9 a.m. to 12.30 p.m. *Telephone :* PARK 7821.

**NEW FELLOWS**

| | |
|---|---|
| Ockey, E. P. | *Coulsdon* |
| Thompson, A. | *Leeds* |

**NEW MEMBERS**

| | |
|---|---|
| Armstrong, J. | *Edinburgh*, 6 |
| Bancroft, Miss A. | *Blackburn* |
| Bancroft, H. | *Blackburn* |
| Bancroft, Mrs. N. J. | *Blackburn* |
| Barnes, Mrs. M. | *Preston* |
| Beaumont, Miss D. | *Huddersfield* |
| Boutard, Miss H. | *Richmond, Surrey* |
| Bower, B. | *Barnsley* |
| Budd, A. S. | *Tonyrefail, Glam.* |
| Caine, Miss M. G. | *Douglas, Isle of Man* |
| Cleenwerck, H. B. | *Luanshya, N. Rhodesia* |
| Colesby, Miss G. M. | *London, S.E.*26 |
| Cromer, H. A. | *Hobart, Tasmania* |
| Davey, L. A. | *Woking* |
| Davies, Dr. W. H. D. | *Richmond, Surrey* |
| Dean, Miss A. | *Prestwich* |
| Evans, Miss J. C. | *London, W.*14 |
| Goodrick, A. L. | *Manchester* |
| Greenwood, Miss M. | *Blackpool* |
| Hadfield, Mrs. E. | *Cambridge* |
| Hanson, Miss F. | *Exeter* |
| Hart, Miss P. H. | *Petersfield* |
| Henbest, H. W. | *Rochester* |
| Johnson, A. E. | *Harrow* |
| Jones, J. K. | *Westbury, Wilts.* |
| Kazimierz, D. | *Leighton Buzzard* |
| Langer, B. | *London, N.*10 |
| Kent, R. L. | *Port Said* |
| Lindsay, Miss J. | *Ashton-under-Lyne* |
| Mather, J. | *Preston* |
| Merrick, Mrs. S. | *London, W.* 8 |
| Milne, Miss I. | *Edinburgh*, 12 |
| Munns, Mrs. D. M. | *London, S.E.*9 |
| Parker, N. D. | *Weybridge* |
| Parkes, G. D. | *Willenhall* |
| Parkes, Mrs. M. | *Willenhall* |
| Powell, D. A. | *Hamilton, Ontario* |
| Scott, Miss P. K. | *Andover* |
| Shah, S. A. | *Karachi* |
| Sharpe, Miss E. | *Richmond, Surrey* |
| Sinclair, A. | *Aberdeen* |
| Smith, Miss A | *Huddersfield* |
| Stanley, C. | *Accrington* |
| Titchard, B. | *Warrington* |
| Walker, Mrs. A. E. | *Gloucester* |
| Walker, Miss M. A. | *Gloucester* |
| Waters, J. H. | *Southport* |
| Weierter, Miss C. A. | *Edinburgh*, 12 |
| Woodall, T. J. | *Tiverton* |
| Wright, Mrs. H. E. E. | *Bedford* |

**Junior Members—**

| | |
|---|---|
| Aitken, R. | *Bradford* |
| Campbell, D. | *Paisley* |
| Collings, F. L. W. | *Esher* |
| Daws, Miss B. K. | *Nottingham* |
| Downer, Miss J. | *Totland Bay, I.o.W.* |
| Embray, J. | *London, W.*12 |
| Hughes, D. F. E. | *Southport* |
| Leather, A. D. | *Blackburn* |
| Salway, P. | *Southall* |
| Sharpe, D. | *Leicester* |

**DONATIONS TO B.E.A., APRIL/MAY**

J. Course, Royston, £7 ; Miss Purvis, £3 ; H. K. Phelan, £1 ; Miss A. B. Howlett, G. W. Roome, 10/– ; G. S. Gildersleeve, Rev. H. M. Jackson, 7/6 ; B.B.B., R. E. Ekberg, Mrs. N. A. Goodliffe, Miss K. Wood, 5/– ; H. Chambers, Mr. and Mrs. J. T. Haxton, Misses B. and B. Hoyle, 2/6 ; Mrs. F. A., D.F.E., 2/– ; L.A.D., 1/6 ; R.W., 9d.

**DONATIONS TO ADVERTISING AND PUBLICITY FUND, APRIL/MAY**

J. Course, Royston, £13. 10s. ; Anon, B. S. Whidborne, £5 ; M. Pearson, £2. 2s. ; Mrs. H. de Vere, Miss C. M. Liversidge, Marsden Fellowship, (per W. H. Hirst), £1 ; W. Morris, 15/– ; St. Helens Esperanto Group, 13/– ; W. H. Errington, G. B. Hunter, Mrs. E. Kendrick, 10/– ; B.B.B., Mrs. N. A. Goodliffe, Miss Iddon, 5/- ; G. L., 3/– ; J. Gould, J. H. Halloran, H. Shore, 2/6 ; B. Bower, 2/3 ; E. R., 1/10 ; N.B., 1/5 ; F.H.H., 1/3 ; E.R., 8d ; A.E.P., 6d ; L.A.J., 3d.

**DONATIONS TO SUSTENTATION FUND, APRIL/MAY**

H. K. Phelan, £1 ; Mrs. N. A. Goodliffe, 5/–.

**Grateful thanks to all donors.**

R. B. WILKINSON, *Secretary.*

---

Contributions should be typewritten, and sent in by the 8th of the previous month. The Editor reserves the right to refuse, correct, or shorten them. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned.